WIKIPEDIA

# Muzeo Guggenheim Bilbao

La **Muzeo Guggenheim Bilbao** estas muzeo de moderna kaj nuntempa artoj, desegnita de kanada-usona arkitekto Frank Gehry, konstruita de Ferrovial, kaj lokita en Bilbao, Eŭskio, Hispanio. Ĝi estas konstruita apud la rivero Nervión, kiu fluas tra Bilbao al Atlantika marbordo. La Guggenheim estas unu el la pluraj muzeoj apartenantaj al la fondaĵo Solomon R. Guggenheim. La muzeo prezentas konstantajn ekspoziciojn de verkoj de hispanaj kaj internaciaj artistoj.

Unu el la plej admirataj verkoj de nuntempa arkitekturo, la konstruaĵo estis aklamita kiel "grava momento en la arkitektura kulturo", ĉar ĝi reprezentas "unu el tiuj maloftaj momentoj kiam kritikistoj, akademianoj, kaj la ĝenerala publiko estis ĉiuj tute kunigitaj pri io". La muzeo estis la konstruaĵo plej ofte nomata kiel unu el la plej gravaj verkoj kompletigitaj ekde 1980 en la 2010 Monda Arkitektura Enketo inter fakuloj pri arkitekturo.

**Muzeo Guggenheim Bilbao**

**eŭske**: ***Guggenheim Bilbao Museoa***, **hispane**: ***Museo Guggenheim Bilbao***

muzeo



**Oficiala nomo:** Museo Guggenheim Bilbao

| | |
|---|---|
| **Ŝtato** | Hispanio |
| **Regiono** | Eŭskio |
| **Tipo de muzeo** | pri arto |
| **Situo** | Muzeo Guggenheim Bilbao |
| - koordinatoj | 43° 16′ 7″ N 2° 56′ 3″ U (http://tools.wmflabs.org/geohack/geohack.php?pagename=Muzeo_Guggenheim_Bilbao&language=eo&params=43_16_7_N_2_56_3_W_formato=gms) (mapo) |
| **Establita** | 18-a de oktobro 1997) |
| **Direktoro** | Juan Ignacio Vidarte |
| **Por publiko** | jes |
| **Vizitantoj** | 1.011.363 (2014)[1] |



Situo enkadre de Hispanio

## Enhavo



## Historio

La ideo krei muzeon aperis en februaro 1991, kiam la registaro de Eŭskio kontaktis la Solomon R. Guggenheim Fondaĵon, proponante kunlaboron en la kreo de muzeo kiu estus parto de reto de la fondaĵo. La interkonsento estis atingita en decembro, kaj la laboro pri konstruaĵo, komencita en 1994.

## Arkitekturo

La konstruaĵo havas areon de 24 000 m². Ĝi estas konstruita de titaniaj platoj kaj vitro. Ĝi havas dinamikecan formon, kiu konsistas el fleksecaj

elementoj, ondecaj linioj kaj likvecaj formoj. Por desegni ĝin, oni uzis komputilan programon CATIA, uzita en la aeronaŭtika industrio. La konstruaĵo konsistas de tri etaĝoj de ekspozicioj.

**Vikimedia Komunejo:** Guggenheim Museum Bilbao

**Retpaĝo:** www.guggenheim-bilbao.es (http://www.guggenheim-bilbao.es/)



Guggenheim Bilbao Museum

## Ekspozicioj



*Puppy* de Jeff Koons antaŭ la muzeo

## Referoj


1. ↑ La exposición más vista en España el año pasado fue la de Yoko Ono en el Guggengheim. (http://www.elcorreo.com/bizkaia/culturas/201501/02/guggenheim-supero-millon-visitantes-20150102132645.html)


## Eksteraj ligiloj

- Oficiala retejo (http://www.guggenheim-bilbao.es/?idioma=en)